2.ª Ep. AÑO VIII N.º 41 (177) ENERO - FEBRERO 1970

# Boletin

DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

## 30.ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO



Jen vidaĵo de la ekstrema norda parto de Mieres, nia Kongresurbo ĉijara.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.º, dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Hispana Esperanto-Federacio:
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16

Ĝenerala korespondado:
Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16

Monsendoj:
Kasisto:
S-ro Raimundo Ibáñez Crespo
Str. Princesa, 78, 2.º
MADRID-8
Ĉekkonto: N.º 24.692/10,
Banco Ibérico
Avda. José Antonio, 18
MADRID-14

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro Salvador Aragay
Str. Bassegoda, 40, 3.º, 1.ª
BARCELONA-14

Libroservo kaj Eldona-Fako:
F-ino Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º, dcha.
Ĉekkonto: N.º 17917, Banco Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

Estas je via dispono afiŝoj, poŝtkartoj kaj glumarkoj de la 30-a Hispana Kongreso de Esperanto. Mendu ilin al la Loka Kongresa Komitato, str. Sanjurjo, 11, Mieres (Asturias), aŭ al Libroservo de H.E.F., P.º Marina Moreno, 35, Zaragoza.

Prezo: Afiŝoj, 10 ptoj. unuo. Poŝtkartoj, 3 ptoj. unuo. Glumarkoj, 3 ptoj. folieto 6 glum.

## De Secretaría

Karaj kaj estimataj samideanoj:

Post kora saluto mi anoncas al ĉiuj membroj de H.E.F., ke mi alvenas al sekretaria posteno de Hispana Esperanto-Federacio kun la plej alta idealo kaj kun la celo labori multe por la disvolvigo kaj altigo de la internacia lingvo.

Certe, nenion mi povos fari se mi ne havas la helpon kaj kunlaboron de ĉiuj.

Aliaflanke, ĉiam mi estos preta realigi viajn sugestojn kaj indikojn.

Sendube, mi estos via nova amiko kaj mi kredas ke mi havos la komprenemon de la hispanaj esperantistoj.

Kun afabla rememoro por Fino. Inés Gastón kaj kun la espero de grandaj sukcesoj por nia idealo, ree mi salutas ĉiujn kaj restas je via dispono ĉe la sekretariejo, Víctor de la Serna, 19, Madrid-16, Tel. 2503769.

La Sekretario
*M. Figuerola*

---

El día 3 de enero celebró reunión extraordinaria la Directiva de la Federación, en la que se efectuó el traspaso de poderes a los nuevos directivos; desde ese día, el domicilio social de la Federación quedó trasladado oficialmente a Madrid, siendo su domicilio el de su Presidente, quedando por lo tanto trasladadas también la Secretaría y Tesorería de la misma.

Así, pues, todo aquel que todavía no haya pagado su cotización a H.E.F., debe hacerlo a don Raimundo Ibáñez Crespo, Tesorero.

El número de "Boletín" correspondiente a marzo-abril será enviado como en años anteriores contra reembolso de la cotización a todos aquellos que no la hubieran pagado antes del 15 de marzo.

---

Por kompletigi miajn kolektojn mi bezonas kelkajn mankantajn numerojn de Hispana Esperantisto, Tutmonda Espero, Gazeto Hispana, Gazeto Andaluzia, La Suno Hispana, Nia Vivo, Progreso Esperantista, Kataluna Esperantisto kaj Bulteno de Paco kaj Amo.

Bv. skribi al S-ro Ramón Molera. Santa Joaquina, 13. Moyá (Barcelona). Hispanujo.

# PREZENTO DE LA NOVA ESTRARO DE H. E. F. AL LA MEMBRARO

**Altestimataj gekunhef-anoj kaj geamikoj:**

Vi sendube, estas bone informitaj pri la fakto, ke H.E.F. havas novan estraron ekde la tria de januaro 1970-a. Sed ĝi, antaŭ ol starigi programon kaj komenci sian publikan agadon, deziras prezenti sin al vi; saluti vin tutkore, kaj sendi dankesprimojn al ĉiuj pri la honoro kiun vi faris al la estraranoj metante en iliajn manojn la zorgon kaj gvidadon de la interesoj de la Federacio.

La Nova Estraro estas tute konscia pri la respondeco kiun ĝi prenis sur sin kompare kun la antaŭa estraro pro personaj, profesiaj kaj etosaj cirkonstancoj, kaj pri la malfacilaĵoj kiujn ĝi trovos por efektivigi la plenumadon de sia tasko. Tamen, ĝi estas preta labori senĉese kaj uzi sian volon, sian energion, sian scipovon kaj ĉiujn eblojn por serĉi novajn vojojn, kiuj ebligu al ĝi plifortigi la vivon de H.E.F. kaj disvastigi la Internacian Lingvon en ĉiuj sociaj, ekonomiaj kaj kulturaj medioj, en kiuj la enkonduko de Esperanto estus reale efika por pruvi ĝian taŭgecon kiel ilo por simpligi la laborojn de la internaciaj organizaĵoj kaj rapidigi la realigon de iliaj specifaj celoj. Por plilarĝigi la kampon de la Internaciaj Rilatoj kaj perfektigi ilin; kaj antaŭ ĉio, por faciligi al la homoj de ĉiuj sociaj niveloj la kreon de individuaj internaciaj interrilatoj, laŭ vole, en ĉiuj branĉoj de la homa aktiveco pere de komuna lingvo. Resume, ĝi faros ĉion kio estas realigebla por aldoni pozitivan ĉapitron al la historio de la Esperantista Movado en Hispanujo.

Samtempe, la nova estraro volas precizigi sian vidpunkton rilate la nunan situacion de la Hispana Esperantista Movado, ĉar ĝi estas la starpunkto de ĝia estonta agado. Konsekvence, ĝi konsideras kaj deklaras: unue, ke la antaŭaj estraroj realigis firme kaj serioze la politikon, kiu estis pli deca ĉiumomente por revalorigi la movadon kaj firmigi la Federacion. La fruktodonaj rezultoj de tiu politiko estas fakto nekontraŭstarebla kies studo bedaŭrinde ne estas farebla ĉi tie pro manko de spaco kaj aliaj motivoj malgraŭ sia utileco. Due, ke inter la estraranoj de la antaŭaj estraroj, kiuj laboradis entuziasme kaj efike por havigi al la movado la altan prestiĝon, kiun ĝi atingis en la diversaj sociaj sektoroj, meritas specialan mencion la Honoraj Prezidantoj de H.E.F. Ekscelenca S-ro D-ro Sancho Izquierdo kaj D-ro Herrero Arroyo, la Sekretariino de la antaŭa estraro, F-ino Inés Gastón kaj ŝiaj pli proksimaj kunlaborantoj, inter kiuj elstaras F-ino Emilia Gastón. La Nova Estraro, kiu fervore deziras imiti eĉ superi la ekzemplon de la laboremaj pioniroj en la plenumado de sia tasko, gratulas ilin kaj rimarkigas emfaze ĉi tiun menciindan fakton, ĉar agi alimaniere estus maljustaĵo.

Finfine, la nova estraro esperas, ke ĉiuj vi, altestimataj gekunhef-anoj, faciligos ĝian taskon per via morala kaj materiala apogo. Konsideru, ke via kontribuo estas necesa kondiĉo por progresigi la Hispanan Esperantistan Movadon. Sen via kunlaboro la streboj kaj la agado de la estraro rezultos nulaj. Pro tio, ĝi antaŭdankas vian efikan helpon kaj restas je via dispono por studi sugestojn kaj proponojn, kaj por ilia utiligo en la oportuna momento.

Neniam forgesu ke la sukceso aŭ malsukceso de nia komuna celo ne estas nura afero de la estraro: ĝi estas ankaŭ via.

*Angel FIGUEROLA AUQUE*
*Prezidanto de*
*Hispana Esperanto Federacio*

# En la Blonda Anglujo

Kia plezuro vojaĝi eksterlanden per Esperanto! Tiam ni vere konscias ke nia lingvo povas roli gravan postenon en nia nuntempa vivo kaj efike helpi al interkompreniĝo. Estas deve insisti pri tio, ĉar se ni reduktas la universalecon de nia idealo al hejma medio —nome Eŭropo— ni tuj konstatas kiel, por atingi la dezirindan unuecon ankoraŭ estas necese malaperigi apriorajn konceptojn kaj ne decajn antaŭjuĝojn kiuj malpermesas al ni vidi la realan bildon de alilandaj popoloj. Domaĝe ankaŭ ke tiuj modernaj diskonigiloj kiel ĵurnaloj, radio, televido, k.t.p. tre ofte ĉu subtile ĉu malkaŝe subtenadas opiniojn kaj kriteriojn nur akordajn al politika cirkonstanco. Kaj tio okazas ĉiulande. Feliĉe ni havas Esperanton, kiun ni devas uzi kiel pacan liberigilon por havi pli ĝustan, personan kriterion pri io aŭ iu ajn fremda. Tamen necese estas malŝpari sindonemon por interkompreniĝo, ĉar funde, tia estis la Zamenhofa penso. Nu, sub tiu devizo ni eniru Anglujon.

Haveno de Southamptom frumatene je la fino de Aŭgusto. Nebulo kaj griza ĉielo. Siluetoj de gruoj kaj fabrikaj kamenoj kiuj alproksimiĝas iom post iom. Multenombraj longflugilaj mevoj super, ĉirkaŭ, apud nia ŝipo. Sur ĝi tia speciala ekscito kiu kvazaŭ epidemio atakas la plej multon el la pasaĝeroj dum longa vojaĝo. Tamen, tio estas evidenta, la simptomoj estas malpli rimarkeblaj ol en similaj situacioj en nia lando: Ne tiom da krioj, bruo kaj eĉ disputoj. Unuvorte, la angla pasaĝera elcento estis sendube tre multa, pro tio mem la eliro tra la dogano trankvile kaj bonorde okazis.

Nia celo nun estas Londono. En aŭtomobilo de vaska amiko ni rapidas tien. Bona ŝoseo, ĉarma pejzaĝo. Mildaj deklivoj, arbaretoj. Ofte la tipa bildo de trankvila bovaro sur paŝtejo. Ĉie ĉiaj nuancoj de la verda koloro. Ravaj panoramoj por okuloj alkutimiĝintaj al niaj sekaj, akraj horizontoj! La suno jam brilas, agrablega vetero. Sed la tempo rapide forpasis, avertoj pri la proksimeco de London: La trafiko pli kaj pli densa, abundaj trafikrekomendoj. Oni sentas, oni tuŝas tian viglan atmosferon kiu, same kiel ie ajn, atentigas nin pri la eniro en ĉiun grandan urbon. Tamen la veturado ĉiam sur la maldekstra flanko! Krome tiujn familiajn Casa Pepe, Font del Gat aŭ El Cortijo anstataŭas la nomoj Trafalgar Tavern, Royal Pub, Drinker's Room kaj multaj aliaj. Ni eksuspektas ke en la blonda kaj verda Anglujo la laboristaj kaj konservativaj partianoj tre ŝatas bieron, viskion, brandon kaj komprenehle la ĉie troveblan Coca Cola kiu faciligas digeston, malaperigas soifon kaj helpas solvi ĉiajn aferojn...

Alveno finfine ĉe S-ron Buttinger, nia gastiganto. Unu neforgeseblan semajnon tie. Familia, esperanta etoso. S-ro Buttinger havas ok gefilojn. Deknaŭ jara la plej aĝa. Spite ĉion, aŭ pro tio mem, vi ekmiru; Ĉe li ankaŭ jenaj gastoj: Du belaj kanadinoj, du junaj japanoj, unu germano, du belgoj, kaj unu ĉarma ĉekoslovakino. Ĉu Babel-Turo? Neniel: Lingvan problemon solvis Esperanto kaj hejmajn problemetojn S-ino Buttinger kies entuziasmo kaj sindonemo estas admirindaj. Imitenda ekzemplo, entute.



Ion pri Londono. Ne tro, ĉar unusemajna vizito al tiu monstra urbego —monstra laŭ vasteco, mi klarigu tuj— nur permesis al mi ekkoni kvaronparton, mi opinias. Plie se oni konsideras ke la Soho-kvartalo speciale altiras la hispanojn (ĉu vaskoj, ĉu katalunoj aŭ madridanoj) kiel mi rimarkis, mi nur devus rakonti pri Picadilly kaj ĝia apuda, malvirta parto; malgraŭ ĉio ni havis tempon promenadi, kion ni tre ŝatas, kaj rigardi plej famkonatajn bildojn: Westminster, Dwning Street, Houses of Parliament, Tower Bridge...



Intence mi skribas angle tiujn nomojn, ĉar tiel la nuancoj pri fremdeco konserviĝas pli bone. Matenon mi pasigis ankaŭ en la Tate Gallery kie pluraj verkoj atestas pri la genio de Picasso, Miró kaj Dalí.

Surstrate Londono agrable kaj ĉarme surprizas nin, des pli se la vetero sin montras gastema kiel fakte okazis dum la plej granda parto de nia restado. Ĉiam apud la plej viglaj kaj trafikdensaj partoj vi certe trovos silentan placeton aŭ trankvilan angulon kun maljunaj arboj kaj florplenaj ĝardenoj· ankaŭ la verdan ebenaĵon de alloga parko kie la popolo ripozas, legas, sportas, aŭskultas koncerton aŭ simple manĝas ĉokoladon el Yorksire kaj trinkas Pepsi: Por ĉiuj estas libera loko, eĉ por la abundaj, amindumemaj paroj, kiuj, vi jam scias, nur postulas anguleton.

Ni atentigu vin ankaŭ ke Londono estas nuntempe altira, magneta urbo por la junuloj. Ili, papilia nedanĝera plago, invadas ĉion: Magazenojn, drinkejojn, dancejojn, muzeojn... en mini-jupoj kaj malgladitaj pantalonoj. Ili promenas sur la trotuaroj de Oxford Street kie, dekstre kaj maldekstre, seninterrompa vico de vendejoj montras al ni ĉiam tentеman aĉetaĵon por nia konsumanta socio. Ili avide rigardas kaj aĉetas la lastajn ornamaĵojn kaj vestmodelojn en la okulfrapega Carnaby Street kiu evidentigas kiom multekostaj estas sensencaĵoj se la modo imponas ilin. Sed tiu juna spektaklo apoteozas en Picadilly Circus. Tie, ĉirkaŭ la Eros Funtein, sidas, staras, kuŝas tiuj internaciaj "Hippies" kies ĉefa celo verŝajne estas promocii plej strangajn vestmodojn kaj paleolitikajn hararojn. Hindaj tunikoj, Lewi's pantalonoj, aŭstraliaj ĉapeloj, deknaŭjarcentaj paltoj, Cow-Boy ĉemizoj, afrikaj amuletoj, Gandhiokulvitroj, ukrainaj botoj, nudaj piedoj; ĉio sin miksas kvazaŭ senmaska karnavalo sub taga lumo. Estas sciiginda ilia plej konata slogano: Amu kaj ne plu militu. Konatigindaj ankaŭ la idoloj: Joan Baez, Beatles, Bob Dylan, Allen Ginsber, Jank Kerouak, Norman Mailer. Muziko kaj literaturo. Ĉu nur hazarde aperas la nomoj de tiuj idoloj trans la kristaloj de la plej multaj butikoj de sondiskoj kaj libroj antaŭ kiuj mi haltetis scivoleme? Homa psiko estas komplika surprizskatolo kies enhavon ankoraŭ ni ne elĉerpis.

Adiaŭ al Picadilly. Lastan promenadon sur londonaj trotuaroj: Regent Street, Trafalgar Square —kie Nelson defias la kapturniĝan malsanon— Whitehall. La stratoj milde deklivas al la rivero. Tie supre, la kvarvizaĝa Big-Beg. Vespera horo. La cirkulado densiĝis. Elstaras ĉiam la du etaĝaj ruĝaj aŭtobusoj similaj al obeemaj elefantoj el la trafika bestaro —permesu la metaforon—. Abundegas ankaŭ la nigraj, funebraj Austin-taksioj. Antaŭ vojaĝagentejo ni nostalgias pri nia kara Hispanujo: Torremolinos, Mallorca, Benidorm, Sitges. Moderaj prezoj invitas al ĉiu anglo sin rosti —tio ne estas metaforo— sub nia suno. Tamen morgaŭ ni vojaĝos pli norden, al Leeds.

Subtera fervoja stacio englutas nin. Descendante sur la meĥanika ŝtuparo ni eksentas ke tie, sur la londonaj trotuaroj la horoj rapide forpasis, ke Londono elprenis parton de nia natura koro kaj ni promesas al ni denove travivi ĝian junan, allogan, liberan medion. Kaj mi estas obstina...

*Emilio*

## INTERNACIA FERVOJISTA KONGRESO EN RIMINI

Okaze de la 22-a Internacia Fervojista Esperantista Kongreso, la itala urbo Rimini apud la Adriatika maro gastigos la fervojajn esperantistojn el Eŭropo de la 16-a ĝis la 22-a de Majo de 1970.

Dum tiuj ses tagoj okazos kelkaj fak-kunvenoj de delegitoj de la 20 landaj asocioj apartenantaj al I.F.E.F.; krom la oficiala akcepto de la urbestro okazos vizitoj al fervojaj entreprenoj kaj diversaj ekskursoj.

Dum la kongreso, la fervojistaro interrilatas, traktas kaj diskutas pere de la internacia lingvo Esperanto, pri diversaj problemoj de sia komuna profesio. Jam de 1949 niaj I.F.E.F.-kongresoj estas el la plej gravaj organizataj ĉiujare.

Al ĉi tiu interesa kongreso aldoniĝas la tre agrabla restado en la belega adriatika marbordo. Pro tio oni esperas la aliĝon de multnombraj hispanaj esperantistoj, precipe fervojistoj ĉar ĉiujare kreskas la fervoro inter ili por ĉeesti la Internacian Fervojistan Esperantistan Kongreson.

La Kongres-kotizo estas:

Ĝis la 30-4-1970, 6.000 liroj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 650 ptoj.

Familiano, pensiulo kaj junuloj ĝis 21 jaroj 50 % rabato.

Kompleta restado en hotelo apud la maro, 2.000 liroj po tage ... ... ... 225 ptoj.

*EKSKURSOJ DUM LA KONGRESO*

Duontaga ekskurso al sendependa respubliko San Marino, 800 liroj ... 90 ptoj.
Duontaga ekskurso al Ravena, 1.400 liroj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 150 "
Tuttaga ekskurso al Bologna, 3.200 liroj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 350 "

Informoj estas riceveblaj ĉe:

Rafael Devís Pascual. Str. Sicilia, 264, Esc. 2, 3.º C. Barcelona-13.
Enrique Pérez Estévez. Sarriá, 30, Zona 17. Madrid-20.

*Rafael DEVIS*

## NIA SAMIDEANO PETRO POLIŜĈUK JUBILEAS

La 3-an de marto festos la ses dekan datrevenon de sia naskiĝo, nia kara amiko Petro Poliŝĉuk, Delegito de U.E.A. en Taŝkent (Sovet-Unio). Aktiva esperantisto de antaŭ kvar dek jaroj, tutcerte li ricevos multajn gratulojn okaze de sia jubileo.

Lia nomo estas tre konata de la hispanaj esperantistoj ĉar kelkfoje liaj tradukaĵoj aperis sur la paĝoj de "Boletín".

Koran gratulon kaj grandajn sukcesojn ni deziras al nia soveta amiko.

## deziras korespondi...

POLLANDO. — Gdansk-1, Skrytka 254, S-ro Andre Marszatkowski. Kiu deziras korespondi kun 15-17 jaraj knabi noj el Plando, bonvolu skribi al la instruisto. Supra adreso.

# FONDUSO ESPERANTO

**Unu plian fojon nia Honora Prezidanto de H.E.F., Prof. D-ro Miguel** Sancho Izquierdo kaj lia edzino S-ino Pilar Rebullida, **elmontris sian** sindediĉon kaj amon al Esperanto.

Ĉifoje estis pere de donaco al Fonduso "Esperanto" por la kreo de

*Premio Sancho-Rebullida*

**Kiam** la 3-an de januaro la Patronaro de la **Fonduso celebris kun**venon por transcedi la Prezidantecon de la Patronaro al la nova Prezidanto de H.E.F., D-ro Sancho Izquierdo donis al la administranto de la Fonduso, S-ro Víctor Ortíz, la dokumentojn kiuj certigas la kapitalon por la premio.

**Tiun premion oni aljuĝos ĉiun duanjaron kaj pro deziro de la donacin**toj ĝi povos esti aljuĝita al bona lernanto, propagandisto, verkisto, tradukisto aŭ alia, laŭ la bontrovo de la Patronaro.

**Gesinjoroj Sancho-Rebullida nur deziras lasi rememoron de sia amo al Esperanto pere de tiu premio kies nomo unuigas la familiajn nomojn de la geedzoj.**

**De la paĝoj de "Boletín", mi dankas al** Gesinjoroj Sancho-Rebullida **ilian sindonemon al nia nobla idealo.**

**INES GASTON**
***Sekretariino de la Patronaro de Fonduso "Esperanto"***

# F-INO KIMIE OZAWA ĈARMIS LA FRANCAJN KATALUNOJN

De la 2-a ĝis la 7-a de januaro 1970, La Kultura Esperanto-Centro de Perpignan (Pyrénées-Orientales) akceptis F-inon Kimie Ozawa, juna japanino el Tokio, kiu uzas esperanton por prezenti, en Eŭropo, revolucian kalkulaparaton por blinduloj "Soroban".

Krom du privataj demonstracioj kiujn ŝi faris ĉe la blindulaj societoj de Perpignan, sub la aŭspicioj de la Kultura Esperanto-Centro, F-ino Ozawa partoprenis publikan prelegon, organizitan de la Politeknika Asocio de Perpignan, kies ĉefa aganto estis S-ro René Benazet, alia samideano, kiu prelegis pri Finnlando, Laponujo kaj U. K. de Helsinki.

Televido, Radio kaj gazetoj favore raportis pri la manifestacioj, ĉu ĉe la blindulaj societoj, ĉu ĉe la Politeknika Asocio.

Ni ĝojas pri la restado en Perpignan de F-ino Ozawa ĉar dank' al ŝia rideto kaj ŝia scipovo de nia lingvo (S-ro René Llech-Walter, Honora Prezidanto de U.F.E., tradukis franclingve ĉiujn klarigojn) la publiko komprenis ke esperanto ne estas stultaĵo. La rezulto estas ke du novaj kursoj malfermiĝis la 15-an de januaro en nia urbo.

Korajn dankojn al nia japana samideanino.

*René LLECH-WALTER*

## NEKROLOGO

### Douglas F. Murphi

La 2-an de januaro mortis S-ro Douglas Murphi, Prezidanto de Skolta Esperantista Ligo.

La morto de tiu veterana skolto esperantista, estas grava perdo por la Skolta Esperanto-movado. En pasinta numero de "Boletín" aperas la foto de nia elstara samideano akompanate de S-ro Pedro Marqueta.

Nian sinceran kondolencon por lia familio kaj por la estraro de S.E.L.
PACAN RIPOZON AL LI!!!



# DANKESPRIMO

Ni estas vere kortuŝitaj ĉar okaze de nia eksiĝo kiel estraranoj de H.E.F., multajn leterojn ni ricevis same ĉe D-ro Sancho Izquierdo, kiel en la estinta Sekretariejo de nia Federacio; en ĉiuj, niaj karaj samideanoj kaj amikoj esprimas sian bedaŭron pro nia ĉesigo en la estraraj postenoj kaj dankas nin pro nia laboro.

Vere belegaj leteroj estas tiuj, kiujn ni ricevis, kaj, kiujn ni tutkore dankas; sed, inter ili, estas letero ricevita de D-ro Sancho Izquierdo, kiun —post ricevo de la koncerna permeso de nia estinta Prezidanto—, mi publikigas.

D-ro Lapenna per mallongaj frazoj, rekonas la grandajn meritojn kaj kapablojn de nia Honora Prezidanto, kio ne estas miriga fakto; por bone taksi la meritojn de Prof. D-ro Miguel Sancho Izquierdo, oni bezonas havi similajn kapablojn kaj sindediĉon kiel li, aŭ kunlabori kun li kiel ni kunlaboris.

*Inés GASTON*

---

La 9-an de januaro 1970.

Al S-ro Prof. Miguel Sancho Izquierdo
Torre Nueva, núm. 30
Zaragoza

Tre estimata Sinjoro Profesoro, kara Amiko:

Mi tutkore dankas al vi pro via letero de la 18-a de decembro kun la gratuloj okaze de 60-a datreveno de mia naskiĝo. Viaj bondeziroj estis por mi aparte kortuŝaj, ĉar mi bone konas viajn grandajn meritojn por la Hispana Movado kaj viajn kontribuojn al la Tutmonda. Malofte oni trovas personojn sur tiel alta pozicio, kiuj restas fidelaj al siaj idealoj de la junaĝo dum tiel longa tempo.

Kompreneble, mi tre bedaŭras ke vi forlasas la oficon de Prezidanto, sed aliflanke komprenas, ke via alta aĝo ne permesas al vi aktive okupiĝi pri la gvidado de la Hispana Federacio. Mi kore dankas al vi pro via ĉiama subteno al progresemaj ideoj interne de Universala Esperanto-Asocio, kaj pro via subteno en la klopodoj progresigi Esperanton ĉie en la mondo.

Bonvolu akcepti, kune kun via altestimata edzino, miajn tre varmajn bondezirojn por la Nova Jaro, kun koraj salutoj.

Sincere via

Subskribita:
*Dr. Lapenna*

---



## LA VOĈALBUMO DE ESPERANTO

(1) Kiel pereis la familio de D-ro L. Zamenhof
Mag. Isaj Dratwe, Israelo

(2) Mi salutas al vi el Hispanujo.
Prezidanto: D-ro Miguel Sancho Izquierdo, ĉe H.E.F.
kaj F-ino Inés Gastón Hispanujo

AMO - AKADEMIO

Parolas ankaŭ nia samideano S-ro Nicolás López Escartín, Zaragoza.

Plasta gramofondisko, prezo 50 ptoj., aĉetebla ĉe Libroservo de H.E.F.
Paseo Marina Moreno, 35, 4.° dcha., Zaragoza.

# Asturias

Celo de la hispanaj esperantistoj por la jaro 1970



Asturias, ĉe la bordo de la Kantabra maro estas —eble— la plej montara regiono de Hispanujo. Krutaj altaĵoj kiel "Los Picos de Europa", "El Sueve", "Pajares"... altegaj pintoj, ĉiamaj neĝoj surmontaj, valoj ridetantaj kies verda koloro akiras nuancojn neimageblajn, densaj arbaroj kaj arbaretoj konsistantaj el ĉiuspecaj fruktarboj... ĉio ĉi konsistigas tiun belegan regionon, kiun la kongresanoj vizitos okaze de nia Hispana Kongreso de Esperanto okazonta en Mieres, tiu interesa urbo mondkonata pro sia industrio.

Unu el la plej belaj lokoj de Hispanujo estas Covadonga, deklarita Nacia Parko. Grandioza spektaklo de brava naturo, fama intermonto en kiu la pejzaĝo impona, grandioziĝas pli kaj pli dum la valo mallarĝiĝas ĝis loko kie ĝin fermas altegaj roktranĉaĵoj; ĉe unu el ĉi tiuj malfermiĝas la historia groto de Don Pelayo, kie la Sankta Dipatrino "La Santina" kiel ŝin nomas la asturianoj estas kultata kiel dieca reĝino de la asturianoj.

Oviedo, ĉefurbo de la iama Princlando Asturias, estas tre bela kaj interesa urbo kun grava Universitato, pri kiu ĉiuj asturianoj fieras; ĝi estas moderna urbo kun larĝaj stratoj kaj vastaj placoj kie belaj palacoj kaj monumentoj parolas pri gloraj historiaj epokoj. Ĝiaj parkoj ĉiam verdaj estas vere mirindaj.

Gijón, industria urbo, kuŝas ĉe la bordo de la maro, ĝia grava haveno "El Musel" estas de ĉiuj konata kaj eble la plej kantata de popolaj poetoj. Ĝia bela strando kaj allogaj ĉirkaŭaĵoj faras la urbon ŝatata paradizo por la turistoj.

Villaviciosa, fama pro sia fabriko de cidro (pomvino) "El Gaitero" (La Sakflutisto). Laŭ informoj de niaj Mieresaj samideanoj ni havos okazon viziti tiun gravan industrion.

Ribadesella, Sama de Langreo, Pravia... estas ne necese ke ni daŭrigu, ĉiuj urboj kaj urbetoj de Asturias meritus specialan mencion, samkiel specialan mencion meritas ĝia tipa folkloro, kiun tutcerte la kongresanoj povos ĝui en ĝiaj plej variaj prezentadoj. La asturia kanto estas nekonfuzebla, tre harmonia kaj kies nekomparebla ĉarmo invitas daŭre aŭskulti ĝin.

Hispanaj esperantistoj: En Mieres, koro de Asturias okazos nia XXX-a Hispana Kongreso de Esperanto, kvazaŭ Jubilea Kongreso, per ĝi ni komencos la trian dekon de niaj naciaj kunvenoj; la Mieresaj esperantistoj kaj la Mieresa popolo atendas nin plej kore; ni devas respondi per nia ĉeesto al ilia gastameco, kaj samtempe, ni profitu la okazon viziti tiun grandan urbon, Asturias, ĉar kiel ununura urbo sin prezentas tiu interesa regiono de la norda Hispanujo, tial ke, krom la grandaj amasoj da konstruaĵoj: Oviedo, Gijón, Mieres... ĉie aperas pli malpli proksimaj loĝejoj kiuj unuigas la tuton.

***I. G.***

DAŬRIGO DE LA ANTAŬA LISTO

Mondpercepto de la mod. natursciencoj ... 175,—
Naciismo (Lanti) ... 30,—
Natura nutrado (Ole Ramby) . 18,—
Nova Testamento, La ... 78,—
Nuna stato de l' evoluismo, La (J. Rostand) ... 53,—
Papo Pio V beata (Halbedl) . ... 42,—
Pasko (Martinus) ... 94,—
Polaj okcidentaj kaj nordaj teritorioj ... 30,—
Polvo de l' morto (Pri atomprovoj, jap.) ... 18,—
Populorum progressio (Encikliko, Paŭlo VI) ... 9,—
Preparo al Diservo (Pastoraj notoj) ... 120,—
Revolucia homo en la kosma epoko, La (Brooke) ... 5,—
Sankta Biblio, La; lukse bind. 420 ptj., bind. ... 190,—
Sankta Eŭkaristio (katolika) ... 20,—
Sankta Meso (katolikaj liturgiaj tekstoj) ... 17,—
Scienco kaj pseŭdoscienco (P. Neergaar) ... 12,—
Sciencaj studoj (originalaj) . ... 235,—
Sekretoj de la marestaĵoj (P. Giunio) ... 100,—
Sintrompoj (tr. Flammer) ... 30,—
Skizo pri filozofio de la homa digno (Gille) ... 76,—
Sorto de la homaro, La (Martinus) ... 94,—
Spiritaj Ekzercadaj ... 15,—
Studoj kaj klarigoj (katolika) . 22,—
Studoj pri ameloj kaj legumenoj (S. Kawamura) . ... 105,—
Surtera paco, La (Encikliko, Johano XXIII) ... 50,—
Totala suneklipso 1961 (Ljubiĉ k. Dirjanoviĉ) ... 36,—
Verkoj de D-ro Nakamura ... 24,—
Viktimoj de la atombombo (tr. Ĉ. Jui) ... 112,—
Vojo (J. M. Escrivá de Balaguer) 140,—
Vojoj de la eklezio, La (Encikliko, Paŭlo VI) ... 40,—

*Geografio, vojaĝado, foto-libroj*

Balaton (Hungarujo, foto) ... 60,—
Budapest (Hungarujo, foto) ... 60,—
Burĝonoj (Setälä) ... 70,—
De Parizo al la Lazura Marbordo (Rétot) ... 38,—
De Parizo al la Pirenea Montaro (Rétot) ... 38,—
Ekspedicio Kon-Tiki, La (Heyerdahl) ... 260,—
Faktoj pri Danlando (ilus.) . ... 30,—
Feliĉigaj Ferioj (Esp-o-golfo Primoŝteno) ... 70,—
Grezijono invitas vin ... 15,—
Gvidlibro tra Paris (Julieta) ... 186,—
Hungara nacia galerio (nigrablanka) ... 66,—
Hungario sur bildoj (luksa, granda) ... 280,—
Infanoj ne konas limojn (ĉiulandaj) ... 59,—
Japanujo hieraŭ kaj hodiaŭ ... 24,—
Kunprinclando Andoro, La (Bacquer) ... 115,—
Nederlando (Poŝlibro kun fotoj) ... 70,—
Ni vizitas la urbon Kraków (Polujo) ... 20,—
Varsovio rekonstruita ... 110,—

DIVERSAJ VERKOJ LAŬ ALFABETA ORDO

Arĝenta duopo. Baghy k. Kalocsay ĝis 1937 ... 60,—
Bone! Majakovskij, rusa "poemo de l' oktobro" ... 15,—
Dektria mortis, La. Vetter, germ. krimromano ... 92,—
Dorse kontraŭ la muro. Wybenga, frisa, led-imite bin. 338 ptj. 198,—
Eta princo, La. Saint-Exupéry . 220,—
Frisaj rakontoj. 20 modernaj ... 120,—
Koloroj, Baghy (1891-1967) orig noveloj ... 60,—
La Lando de Alvargonzález, A. Machado, trad. F. de Diego ... 50,—
Leteroj el mia muelejo. Daudet 20,—
Nobla Korano, La ... 480,—
Paroladoj kaj Prelegoj, Lapenna 220,—
Preĝo, T. Jung, originala versaĵo 30,—
Nova Antologio, Grabowski . ... 25,—
Rakontoj pri fantomspitantoj. Ĉinaj ... 25,—
Sen eliro; La respektema p... Sartre ... 122,—
Soleco, V. Catalá, trad. J. Ventura ... 300,—
Sveda poemaro, tradukoj el 30 poetoj ... 90,—
Trifoje akurate je la dekdua horo. Germ. romano ... 98,—
Tri verkoj de Volter ... 174,—
Vivo vokas. Engholm (1899-1960) bind. 120 ptj. ... 95,—

LERNOLIBROJ INTERNACIAJ KAJ POR HISPANLINGVANOJ

Dialekto, dialektiko, Dalmau ... 40,—
Du malsanoj en Esperanto, de Hoog ... 80,—
Esperanto laŭ naturmetodo. 10 kajeroj entute ... 500,—
Esperanto por infanoj. Solomon 36,—
Esprimo de sentoj en Esperanto. Privat ... 30,—
Fundamento de Esperanto, 5-lingva ... 255,—
Fundamentaj Reguloj de la Vort-teorio en Esperanto, Saussure ... 72,—

## PARLAMENTANOJ PRISTUDIS ESPERANTO-INSTRUADON

Kunlaboro inter la landaj asocioj de U.E.A. en Danlando kaj Pollando kondukis lastatempe al internacia diskuto pri Esperanto-instruado sur parlamenta nivelo. Dank' al propono de Centra Dana Esperantista Ligo, ĝustatempe komunikita ankaŭ al Pola Esperanto-Asocio, danaj parlamentanoj en oficiala vizito al Pollando aparte interesiĝis pri la instruado de Esperanto en polaj lernejoj. Kiel konate, Pollando estas unu el la landoj, kiuj ĝis nun plej multon faris en tiu direkto.

La grupo de danaj parlamentanoj alvenis laŭ invito de la pola parlamento. Gvidis la grupon parlamentanino s-ino Meta Ditzel, kiu mem siatempe instruis la Internacian Lingvon en Danlando. La danoj interesiĝis ĝenerale pri la kleriga sistemo de la alia lando, sed precipe petis informojn pri la loko de Esperanto en la lerneja programo. Rezulte, okazis speciala konferenco ĉe la Ministerio por Klerigo kaj Superaj Lernejoj, kun partopreno de altrangaj funkciuloj de la ministerio, la direktoro de la departemento por klerigo de plenaĝuloj, la fakestro pri lingvo-instruado en mez-lernejoj, la fakestro pri lingvo-instruado en universitatoj, inspektoro pri lingvo-instruado al plenaĝuloj, kaj la prezidanto de Pola Esperanto-Asocio.

**Laŭ la plej novaj informoj, Esperanto estas nun instruata en 91 lernejoj de Pollando.** Nur antaŭ kelkaj monatoj aperis la nova oficiala programo de instruado de Esperanto, aprobita de la ministerio kaj eldonita de la ŝtata eldonejo.

---

Unu plian fojon la hispanaj esperantistoj festis la datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof. Niaj samideanoj de Bilbao, Madrid, Sabadell, Valencia, Valladolid kaj Zaragoza sendis raportojn pri la diversaj festoj kaj festetoj honore de nia Majstro.

BILBAO

La Esperanto-Grupo de Bilbao okazigis kelkajn festetojn por inde omaĝi la memoron de nia kara Zamenhof, la genia elpensinto de la internacia lingvo.

Dimanĉon, la 14-an ni ĉeestis meson en la najbara Baziliko-Katedralo de l' Sinjoro Santiago kaj post interkonatiĝo je la fino de l' religia servo, ni iris en la Grupejon kie diligentaj gesamideanoj ordigis tablojn kaj seĝojn kaj pretigis lunĉon por la ĉeestontoj.

Post la 12,30 h. komenciĝis la anoncita koncerto fare de nia tre konata kaj amikeca "Polifónica Euskalduna" kiu nin regalis per disaŭdigo de rusaj, kantabraj kaj vaskaj melodioj kiujn varme aplaŭdis la ĉeestantaro. Je la fino de l' koncerto la geĉeestantoj ekstaris por kanti du strofojn de la Esperanta Himno.

Je la 14,30 h. kaj post la lunĉo, kelkaj konataj gesamideanoj iris en la popolan Restoracion "Urkia" por komuna interfratiga tagmanĝo kiun spicis diversaj spritaĵoj, rilate la ata/ita-aferon, la vegetaremon kaj la "pacemon" de la direktantoj de diversaj civilizitaj kondukantoj de ne malpli civilizitaj popoloj.

Post la tagmanĝo venis en la Restoracion aro de simpatiaj gejunuloj por trinki kafon, fumi kaj paroli pri vegetarismo k. a. "ismoj" samkiel por plani diversajn estontajn agadojn.

Je la 16,30 denove ĉiuj kunvenis en la Grupejo kie oni aranĝis tre brilan balon kiu daŭris ĝis la 11-a nokte.

Lundon, la 15-an je la 8,30 h. vespere, okazis la t.n. "Ronda Tablo" laŭ aranĝo de nia Prezidanto S-ro Juanes. Samideanoj Ronda, Bringas kaj Otaola respondis ĝis 31 demandojn, laŭ bontrovo de S-ro Juanes, pri: Zamenhof, Vivo kaj idealoj, Interna Ideo, Esperanto en la nuna mondo, La Esperanto-Kongresoj, Vivanteco de Esperanto, ktp.

Tuj poste oni metis la verdan stelon sur la bruston de l' novaj gelernantoj kun finparoloj de la Prezidanto.

Mardon la 16-an kun ioma prokrasto pro difektiĝo de du elektraj lampoj okazis la senpacience atendata prezentado de diapozitivoj fare de nia eminenta fotografo S-ro Angel Bolaños Martínez. Ravajn, bone elektitajn bildojn ni vidis sur la ekrano. Belajn multkolorajn florojn, Imponajn montojn (Picos de Europa kaj Pirenea Montaro), Monasterio de Piedra kun la vivantaj facilmovaj trutoj, tamen ne manĝeblaj. Belaj kaskadoj kaj akvofaloj. Ravaj promenejoj...

Merkredon la 17-an okazis speciala programero prezentata de nia agema, dinamika gejunularo. Malferma paroladeto de F-ino María José Burgos, Komitatanino de nia Grupo. Bone legataj poezioj de nia nova lernantino F-ino Carmen Navarro, parolistino ĉe la loka "Popola Radio", prozaĵoj de F-ino Castro. Legado de tradukoj el Quijote fare de nia nova lernanto la juna araba studento S-ro Nassif, el Sirio, nuntempe studanta en Bilbao.

Ankaŭ ni havis interesan ekspozicion de poŝtkartoj kaj diversaj interesaj bildoj el Finlando, Estonio, Ĉeĥoslovakujo k.a. baltaj landoj. Ekspozicion de poŝtmarkoj —pm. faŭno— de Ĉeĥoslovaka, Pola kaj Hungara Respublikoj. Tiun-ĉi poŝtmarkan Ekspozicion aranĝis samideanoj Alberto Rodríguez Garmendía kaj José Efreu Sanz.

Ankoraŭ la vendredon —la 19-an— ni havis novan specialan lunĉon aranĝitan de nia nova gejunularo omaĝe al plenaĝuloj pri kies aranĝo mi, kiel maljunulo, estas tre dankema al ili. Ĉiuj aranĝoj, ĉefe tiu de l' dimanĉo, estis multnombre ĉeestataj. Oni povis kalkuli pli ol 60 gepartoprenantojn dum la dimanĉa aranĝo.

*L. de O.*

MADRID

La 15-an de decembro, kiel estas tradicie en nia movado, ankaŭ la Madrid-aj esperantistoj festis la cent dekan datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof.

La Madrida Esperanto-Liceo organizis komunan vespermanĝon en centra restoracio, kiun partoprenis esperantistoj kaj simpatiantoj, kaj kie regis interfrata amikeco.

